


N-ro 55 1981 Decembro 12a jaro

Redaktoro:
Rudolf Burmeister
DDR 9047 Karl-Marx-Stadt, W.-Firl-Str. 30




11-a VINTRA ESPERANTISTA FERIO
Budapeŝto, 1981.12.28-1982.01.02.

*Prosperan Novjaron*

## Kluba informilo de ELF-AREK

Esperanto Ligo Filatelista
Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj

### Redaktoro:

Rudolf Burmeister, DDR 9047 Karl-Marx-Stad, W.-Firl-Str. 30

### Prezidanto:

Ivar Paulsson, S-171 33 Solna, Algatan 3
UEA-konto: 6295. Poŝtkonto: 51 57 85-4

### Stampobanko:

Werner Heimlich, D-304 Soltau, Fröbelstr. 4

### Kotizo por 1982

15 maldekstre stampitaj IRK aŭ 36 svedaj kronoj, pagendaj al s-ro Paulsson. Pri aliaj eblecoj konsultu enhavon de ĉi informilo.

### Se vi ne havas IRK

vi povas ankaŭ alimaniere pagi la kotizon. Tiel ekz. jam dum jaroj nia kluba amiko Richard Wluka, Bremerstr. 8, D-3000 Hannover akceptas ĉiuspecajn esperantaĵoj kaj pagas por vi kotizon. Kompreneble, necesas antaŭa konsento. Nia stampobanko aĉetas, post antaŭa interkonsento, novajn kaj malnovajn E-stampojn, kaj ankaŭ tiel eblas pagi kotizon.

---

### Anoncoj

Deziras akiri interŝanĝe kontrau kompletaj neuzitaj pm-serioj de Cinio preskaŭ ĉiujn E-pm kaj E-pk nia kluba amiko Shengtan Song, Shi Nong Cun 44-11, NANJING, China.

Por komenci novan kolekton mi deziras akiri la jenajn maksimumajn kartojn: Jugoslavio 638 (15 din., 38a UK), Pollando 976/77 (60 gr/1 Zl. UK en Varsovio), Bulgario 1193 (13 st. 48a UK) Bulgario 2405 (13 stotinkoj, 63a UK), Svislando 1078 (70 c., UK en Lucerno) Katalogaj numeroj respondas al Yvert-K. kaj pliajn MK de E-filatelio. Mi krome kolektas Mk laŭ la temoj: Biblio, Nova k Malnova Testamentoj, Anĝeloj. Faru ofertojn al sinjoro L. Bertrand, 102, Rue des Deportes, B 4800 Verviers.

### Bonvenon al novaj membroj:

Mori Jasuo, ĉe Mizuta Masao
Joŝida-ŝimo-ooĵo 36, Sakjoo-ku
Kioto 606, Japanio
Ne informis pri specialaj deziroj.

Hanania Haroun
POB 16041, Tel Aviv, 61 160 Israel
Ne informis pri specialaj deziroj.

Michel Basso
153 Str. Clemenceau, F 68 000 Wintzenheim

Jehoŝua Tillemann
40 Ŝivtej-Jisrael-str. IL-26 275 Kirjat – Hajim, Israel
Bonvolu korekti adreson de li.

Kjell Randehed
Domaregatan 11 C, S-252 59 Helsingborg
Ni ne informis pri specialaj deziroj.

### Adresŝango:

S-ino Jeannine Vincent
BP 54, F-49150 Bauge

## Brazilo

Nur en Septembro kaj Oktobro atingis min pluvo da informoj pri la brazilaj kongresoj kaj tial ne eblis envicigi ilin en nian informilon 3/81. Hodiaŭ vi trovas tutan bukedon da sciindaĵoj. Koran dankon al ĉiuj tiuj, kiuj kontribuis al tio.

### Plukaĵoj el revuo esperanto

"Speciala poŝtmarko omaĝe al la Kongreso altiris la atenditan atenton. Eleganta en sia simpleco de sia desegno, ĝi ripete elstarigis la nomon de la kongreso kaj havas pli karan informan valoron ol la plimulto de la antaŭaj filatelaĵoj samtemaj."

. . . "Solena Inaŭguro . . . Sekvas, kiel ia ornamaĵo de la inaugura programo, la oficiala lanĉo de la speciala poŝtmarko, kiun la brazila poŝto eldonis por omaĝi la kongreson. La parolon tiam prenas la Vicprezidento de Brazilo d-ro Aureliano Chaves . . ."

". . . Malpli kompreneble estis, ke por havigi la specialan stampon kaj la poŝtmarkon la kongresanoj devis dufoje enviciĝi. Unue por aĉeti la poŝtmarkon. Kaj due – sur alia etaĝo – por ĝin stampigi. UEA aĉetis kvanton da filatelaj kompletoj, kiuj vendiĝos tra la Libroservo . . ."

Intertempe Libroservo ofertis sur la paĝoj de revuo esperanto tiujn filatelajn kompletojn, inkluzive tiun interesan Edital-folion.

### Pri la UTK

Eldonkvanto estas 29 400 numrigitaj ekzempleroj kaj oni vendis ĝin en Brazilo kontraŭ 5 kruzejroj. Ili estis sen poŝtmarko kaj sen stampo. La unuataga nuliga stampo estis nur dum la 26a de julio en la kongresejo. Tiu stampo en si portas la tekston:

PRIMEIRO DIA DE CIRCULACAO-BRASILIA-DF

Dum la aliaj kongresaj tagoj nuliga poŝta stampo ne estis en la kongresejo, sed nur tiu ornama poŝta apudstampo, kiun oni tamen ankaŭ utiligis por nuligi la poŝtmarkon. Nun estas interese scii, ke semajnon antaŭ la kongreso brazila poŝto altigis minimuman poŝtan tarifon de 7 al 12 kruzejroj por enlandaj sendajoj. Tio estas grava fakto por ekspozantoj de filatelaj ekspozaĵoj, ne por kolektantoj.

### Edital-folio

Interesa objekto, tiu Edital-folio, kaj estis nia amiko Haruja Maekaŭa, kiu kiel unua sendis pri ĝi informon al mi. Li ĝin trovis en Japanio ĉe pm-komercisto.

Eldonita ĝi estas de la brazila poŝto en kvanto de 21 000 ekzempleroj numerigitaj. En ĝi oni trovas informojn pri Esperanto kaj teknikajn detalojn pri la E-poŝtmarko en la lingvoj Esperanto, portugala, angla kaj franca.

Sur titola paĝo troviĝas originalkolora represo de la pm kaj bildo pri la memoriga stampo.

Specialan gratulon mi direktas al tiu nekonata samideano, kiu por la Libroservo de UEA akiris pli grandan stokon da tiuj Edital-folioj, kaj oni ĝin aŭtomate ricevas, se oni faras mendon pri tiuj E-filatelaĵoj.

**ELF-AREK-kunveno**
okazis sen gvidanto kaj oni nur interŝanĝi en agrabla atmosfero glumarkojn, insignojn, stampojn k.a. Laú informo de s-ro Gjivoje partoprenis 20 personoj, laú Goslinga 10 personoj: 3 el Brazilio, 3 el Nederlando kaj po unu el Belgio, Jugoslavio kaj Aústrio, inter ili ankaú Gert Drucker kaj Salvador Raimundo el Curitiba.

**Sennumeraj brazilaj**
Vi certe miris, ke brazilaj novaj stampoj en la "resumo" de informilo nro 54 ne montris numerojn. La kialo estas jena: De sinjoro Eluizio Bueno Rodrigues mi trovis liston pri brazilaj Esperantostampoj, kiu notis sub numero 33 "1a Concurso de Trovas da APE, dec. 1980, Sao Paulo."

Ni ne scias, ĉu temas pri E-poŝta stampo, al ni ĝi ne estas konata kaj ni ĝojus, ricevi en nia redakcio informojn pri tiu ĉi afero. Post klarigo de la problemo ni donos numerojn.

**Bydgoszcz 1980 en du variaĵoj?**
Nia hungara amiko Stefano Fekete informis la redaktoron, ke li de la kolektanto Jan Pavlas el Pollando ricevis la sciigon, ke la pola stampo numero 120 "estis uzita en la unua tago kun la eraro "SPOTKANE", kaj poste estis retuŝita al "SPOTKANIE". Niaj polaj klubaj amikoj pri tio tamen ne informis la redaktoron. Fekete aldonis eĉ du lumkopiojn, sed ili ne estas tro konvinkigaj, ĉar ĝuste la literoj NIE estas en SPOTKANIE iom ŝmiritaj. Cetere, karaj klubaj geamikoj, ĉu vi jam sciis, ke sole en tiu pola provinco Bydgoszcz ekzistas ĉirkaú dumil sur la kampo de Esperanto-turismo, li ŝajnas esti unu el la "tankoj" en la Esprantomovado.

**Simbolo 1987 serĉata!**
La estraro de UEA akceptas proponojn pri simbolo "100 jaroj de Esperanto". Necesas, ke ĝi estu simpla kaj komprenebla ankaú por ne-esperantistoj. La simbolo estu unukolora.

UEA intencas uzi tiun simbolon por leterpaperoj, glumarkoj afiŝoj, evtl. eĉ por poŝtmarkoj, stampoj ktp.

Se vi kapablas skizi vian ideon, sendu la skizon rekte al Centra Oficejo en Rotterdam.

**Nia Evaristo malsanas**
Ni eksciis, ke nia longjara kluba amiko Evaristo Gil Pallares jam delonge estas malsana kaj tute ne eblas al li skribi leterojn. Al nia amiko Evaristo ni deziras baldaúan resaniĝon.

---

**Rumanio kun E-stampo?**
La "Informilo" de la Internacia Esperanto Muzeo en Wien, n-ro 4/124, informis, ke ĝi ricevis el Timisioara en Rumanio poŝtkartojn kun speciala poŝtstampo pri la 4a tutlanda renkontiĝo de esperantologio, septembro 1981.

**La sidejo de IEMW sur bildkarto**
La de Aŭstria Esperanto Movado eldonita kolora bildkarto montras jenajn bildojn: Wien-Hofburg (sidejo de IEMW), Zamenhof-monumento en Wien, Esperanto-monumento en Linz, Zamenhof-monumento en Wörgl, E-parko kaj Zamenhof-memorŝtono en Wiener-Neustadt. Tiun koloran bildkarton eldonis Josef Klaner & Co. (Prezo del la bildkarto: 3.– S.)

## Antverpeno kaj Budapesto

estos la sekvantaj kongresurboj. Kun plezuro ni legas en la Unua Oficiala Bulteno por Antverpeno, ke "la ministerio de la poŝto decidis eldoni specialan poŝtmarkon okaze de nia kongreso". Kaj plie fama hungarino perfidis al mi, ke ankaŭ por la sekvonta budapesta kongreso aperos verŝajne E-poŝtmarkoj (pluralo!).

Do, se ni daŭre povos vivi en paco sub la sama suno, kiel diras unu brazila E-stampo, tiam nia kolekto en la sekvontaj jaroj kreskos kaj jam nun eblas diri, ke okaze de la 100-jaro de Esperanto aperos en multaj landoj E-poŝtmarkoj.

## Meksikio

Atingis min fine de septembro tre interesa letero de nia kluba amiko Angel Segura Peralta, el kiu mi resumas: "... Okaze de la 37a IJK de TEJO nia poŝto unuafoje uzis Esperantostampon en la urbo Uaŝtepeko. Mi faris al la poŝto 6 proponojn kaj ili elektis la plej belan proponon.

La desegno montras la pli ol miljaran hieroglifon por la nomo de nia antikva kulturmajstro de diversaj antikvaj mezamerikaj popoloj KECALKOUATL, kio en meksika lingvo signifas "plumigita serpento".

Tiu simbolo estis proponita de s-ro Tibor Sekelj por la 37a IJK, oni eldonis kun tiu simbolo aeropoŝtan koverton, normalpoŝtan koverton, kaj uzis ĝin ankaŭ por la kongresa insigno (!), menuokartoj ktp.

La stampilon oni uzis nur dum la inaŭgura vespero, 10an de julio 1981, kaj eblas trovi ĝin sur la tri eldonaĵoj de LKK, sur supre menciitaj kovertoj, sur tria memoriga koverto kiu montras du aztekajn sciencistojn, kaj sur speciala karto, kiun eldonis Meksikia Esperanto Federacio, kun esperantigita verso pri la "azteka birdo" ZENCONTLO, (birdo de 300 voĉoj) de antikva meksika reĝo.

... Mi akiris malgrandan kvanton da stampoj kaj povas ilin vendi al interesuloj: unu peco en tre bona kvalito kostas kvar us dolaroj, unu malpli kvalita peco kostas unu dolaro usona. Tamen mi nur havas tre malgrandan kvanton, kaj ne eblas ilin interŝanĝi kontraŭ iuj aliaj ..."

Jen la adreso:

Angel Segura
Apartado Postal M 2003
06000 MEXICO D.F.

Ne forgesu aldoni validan IRK (maldekstre stampita, ne pli ol unujar-aĝa).

## Stampo Rosario 1941

Kun intereso mi legis la artikolon pri la stampo de Rosario 1941 en nro 53 de nia informilo. La teksto montris al mi, ke ekzistas almenaŭ unu plia koverto kun tiu stampo kaj ĉefe tion, ke la stampoj sur la mia kaj menciita kovertoj iom diferencas. Jen kiel aspektas mia koverto:

1. Klarigita signifo de la mallongigo EFIR estas ĝusta. La menciita "cachet"-stampo estas kvarangula, kun bildo de konstruaĵo en la mezo. Triangula stampo mankas.
2. Ambaŭ EFIR-stampoj montras, estas aplikitaj ekster la poŝtmarko, same kiel la brazilaj ornamaj stampoj. La stampo kun la E-teksto havas verdan, la alia EFIR-stampo griznigran koloron. Sed: la E-stampo (montrita en nro 49 de nia informilo) havas tute ĝustan E-tekston "Interamerika filatelia ekspozicio".
3. La sama teksto estas aplikita sur la alia EFIR-stampo, sed en hispana lingvo, oficiala lingvo de Argentino. La aspekto de la stampo estas tute sama kiel tiu esperanta, anstataŭ stelo troviĝas en la mezo konturoj de Norda kaj Suda Ameriko. La E-stampo havas sub la stelo la tekston:
   "Rosario Argentino", hispana stampo sub konturoj:
   "Rosario Rep. Argentina".
4. Sur la poŝtmarko troviĝas nur la nuligstampo. Sur mia koverto troviĝas tiu stampo kun du diversaj datoj: 6. JUL. 41 – 18 1/2 horo kaj 13. JUL. 41 16 1/2 horo, ŝajne unua kaj lasta tago de la ekspozicio.

   La datoj sur ambaŭ EFIR-stampoj montras, ke povus temi pri ornamaj stampoj (simile kiel en Brazilo) malgraŭ tio, ke ili ne havas mencion pri la argentina poŝto, ĉar simila mencio mankas ankaŭ sur la nuliga datstampo. Sed tio estas nur supozo. Duboj restas . . . mia koverto ne vojaĝis poŝte, estas nesufiĉe afrankita kaj ne surhavas adreson."

*Vladimir Vana*

NGRESO
ARGENTINO



JUVENIL DE
ESPERANTO









## Nova el Rijeka

25–27 de Septembro 1981 okazis en Rijeka la 13-a Trilanda Konferenco de esperantistoj el Aústrio, Italio kaj Jugoslavio. Nia kluba amiko Anton Straif tie partoprenis kaj informis: . . . la poŝta stampo estis bela sed mi devas mencii, ke oni nur povis aĉeti jam stampitajn kartojn kaj kovertojn . . . Kie do funkciis la stampilo, restis al li nekonata, kvankam li estis surloke.

La stampo havas diametron de 36 mm kaj estas presita sur la pm, sekve ĝi havas tre klaran k puran bildon. En la stampo estas dulingva teksto:

Medunarodni Trojni Susret Esperantista
Trilanda Konferenco De Esperantistoj

Miaj ekzempleroj posedas la daton de 25.9.1981.

Sinjoro Givoje informis plie, ke la FSILATELA Societo Rijeka presigis okazan koverton (n-ro 51) en kvanto de mil ekzempleroj. Sur ĝi estas la simbolo de la "Amikeco trans limoj" plus E-lingva teksto pri la konferenco. La surgluita pm de 3.50 dinaroj sufiĉas por enlanda afranko.

Krome la stampoj estas troveblaj sur tri div. kartoj kun surgluitaj pm, kiuj ne respondas al afranko-postuloj de la poŝto. (0.10 dinaroj).

Sinjoro Marinko Givoje akiris stokon da kaj ofertas ilin al vi. Koverto kostas 1 us. dolaro. Karto kun tiu nesufiĉa 0.10 Din. kostas 0.50 us. dolaroj (aú egalvaloro). Jen la adreso: M. Givoje, P.p. 5025, YU 41040 Zagreb-Dubrava.

### Ankaú insigno en Rijeka

Givoje suplemente informis, ke li povas kontraú 1 us dolaro sendi la kvinkoloran insignon de tiu konferenco, kiu havas eldonkvanton de 180 ekzempleroj. La insigno prezentas la t.n. "Tito-ponton" apud Rijeka, E-stelon kaj du manojn.

Plie haveblas ĉe li la jenaj novaj insignoj:

| | |
|---|---|
| – 70 let Esperanto maribor: | kvarangula kun E-stelo. Prezo: 2 guldenoj |
| – JAFE 1955–1980: | du insignoj. Prezo po 2 guld. |
| – 49a IKBE Zagreb 1981: | tri insignoj okaze de Int. Blindula E-kongreso. Prezo po 3 guld. |

### Ankoraú pri Rijeka

Ni starigis demandon en nia informilo nro 52 pri la Rijeka 80 stampo, kiu restis senresponda, kvankam falis sufiĉa ombro sur tiu stampo. Ne eblis al la kongresanoj, akiri en poŝtejo tiun stampon, sed privata persono vendis kvazau "surstrate".

En 1981 okazis la sama, ke poŝtejo kun tiu stampo ne estis trovebla, tamen sammaniere tiu stampo estis vendita de privata persono. Tiel raportis al ni nia kluba amiko Straif, kiu tie partoprenis.

Eble nia amiko Hirsch, kiu havas kontakton al Jugoslavio-fila-eksperto, konsultos tiun specialiston. Mi klopodos solvi la aferon pere de uea-delegitoj. Eble sinjoro Givoje povus al ni klarigi tiun sufiĉe por ni misteran aferon?

## Glumarkoj

Sinjoro Tremon sendis vicon da folioj kun detaloj pri glumarkoj. Sur folio A li faras diversajn notojn. Inter alie li citas n-ron 814 "Okazo ne konata", 863 "Pacifika E-kgr" pri kiu ni scias, ke tie ne ekzistas glumarko, 890 "Nepoŝta stampo", ĉu stampo, marko? 920 "Tagoj Bydgoszcz", pri kio ne estas klare, ĉu glm, ĉu ne. Pri A 902 "UMEA" mi povas aldoni, ke tiujn eldonis UMEA kaj disdonis dum la UK en Varna.

Folioj B.C.D. prezentas glumarkojn sub provizoraj numeroj, kiujn ni ne citas ĉi-loke. En Folio D por la jaro 1981 ni trovas la jenajn poziciojn:

IFER 81, Malmö, Brazilio-UK, Harrogate-65a brita, Murcia-hispana kgr, 36a SAT-Amikara Kgr, 54a SAT-kgr en Basel, IFEF-kgr en Regensburg, Dalfsen-ned. kgr., kaj por 1982 ni trovas Ifsalmi, 55a SAT-kgr.

## Suplemento por Jensen glm-katalogo

Sinjoro Tremon informis, ke li preparis suplementon por la glumarka katalogo de Jensen (1972–1978). Tiu aldono havas 12 paĝojn kaj 153 poziciojn. Interesuloj povas akiri tiun kaj supre cititajn materialon kontraŭ:
30 malsimilaj, aŭ 60 similaj (samaj?) datitaj E-glumarkoj, aŭ kontrau dek poŝtkartoj kun E-stampoj.
Skribu al: Gaston Tremon, 31, strato Turgot, F 87350 Panazol.

## Katalogo pri "Esperanto-poŝtkartoj"

Sinjoro Tremon proponas, ke li pretus prepari tian katalogon. Sed tia katalogo jam delonge estas en manuskripto preta, ni dum jaroj jam skribis pri tiu katalogo en nia informilo. Tiu katalogo estas absolute perfekte preparita, de filatela fakulo. Ni ne povas rekomendi, komenci prepari duan. Eble sinjoro Tremon celas katalogon pri propagandaj E-kartoj, do, sen enpresita pm. Sed tio estus absolute ne efektigebla tasko, ĉar informojn pri tiuj kartoj (oni ne parolu pri E-poŝtkartoj) oni nur hazarde akiras, kaj katalogo pri ili estus terure malkompleta. Kion ni povas fari, kaj tion delonge ni praktikas, estas, informi pri tiuj kartoj pere de nia informilo.

## Pri "Tutaĵkatalogo" de Vana

Al la multaj demandoj pri la stato de la afero mi sciigas la jenon:

La definitiva teksto de la katalogo kaj tutĵoj por foto-kopiado kuŝas momente ĉe s-ano Vlada Hasala en Valtice, eksĉefo de E-sekcio de filatelistoj en CSSR, kiu rezignis je sia funkcio kaj jam longe silentas. Momente oni traktas pri ebla nova ĉefo de la sekcio. Mi priparolis la aferon kun s-ano Hasala kaj esperas, ke venontjare la katalogo povos fine aperi.

La katalogo ne enhavos precizajn datojn de eldono de unuopaj tutaĵoj (eldontagojn) pro la simpla fakto, ke tiuj estas troveblaj nek en la malmultaj ekzistantaj tutaĵ-katalogoj, nek en la naciaj filatelaj revuoj. Imagu nur, ke plejparto de la tutaĵoj aperis antaŭ proks. 50 jaroj! Katalogoj kaj filatelaj revuoj ofte ne enhavas eĉ priskribojn de diversaj bildoj – trovi tiujn informojn prezentis neimageblan multjaran penon . . . Vlad. Vana . . ."

Redaktora noto: Kiel ni scias, tiu manuskripto jam pli ol jaro kuŝas netuŝita en Valtice, laŭ iamaj promesoj jam delonge katalogo devus esti preta. Ni proponas, ke s-ro Vana reprenu la manuskripton kaj verku esperantlingvan version, ĉar la ĉeha filatelista asocio verŝajne ne kapablas realigi eldonon. Tiu materialo, verkita de s-ano Vana, vere ne meritas, putri en angulo.

## Esperanto-poŝtkartoj de GDR

Lige kun la projekto de E-tutaĵkatalogo hodiaŭ mi povas prezenti la definitivan liston pri la ĝisnunaj E-pk de GDR. Mi ripete substrekas, ke temas pri tute normalaj poŝtaj kartoj kun enpresitaj poŝtmarkoj (ordinaraj), kiuj ricevis "privatajn" surpresojn (tamen nur post oficiala ŝtata permeso). La tutaĵkatalogo de la GDR-filatelistoj listigas ilin sub la kategorio "C". Jenajn indikojn mi listigos: Numero, valoro de la pm, okazo, eldonjaro, eldonmonato, rimarkoj NS = nur stampitaj, ES = E-stampo, GS = germanlingva stampo, R = raraj.

| | | | |
|---|---|---|---|
| 1 Medicina Fakrondo | 10 pfenigoj ruĝa | 1978–12 | NS, R |
| | 10 " verda | 1978–12 | NS, R |
| 2 Galen | 10 " | 1979–6 | ES, NS, R |
| 3 Descartes | 10 " | 1980–1 | ES, NS |
| | 25 " | 1980–1 | ES, NS |
| 4 IFER 80 | 10 " | 1980–3 | ES, NS en 250 ekz. R |
| 5 E - Mondpaco | 10 " | 1980–3 | |
| 6 E - Frieden | 10 " | 1980–4 | |
| 7 E (terglobo) | 10 " | 1980–4 | |
| 8 Bacon | 10 " | 1980–5 | ES |
| | 25 " | 1980–5 | ES, R |
| 9 Kalocsay | 10 " | 1980–6 | ES |
| | 25 " | 1980–6 | ES, R |
| 10 2a med. konferenco | 10 " | 1980–6 | ES kiel pk 9 |
| 11 Platon | 10 " | 1980–11 | GS, NS |
| | 25 " | 1980–11 | GS, NS, R |
| 12 Apitz (germ) | 10 " | 1980–12 | ES |
| 13 Apitz (esp) | 10 " | 1980–12 | ES kiel 12 |
| 14 Richet | 10 " | 1981–1 | ES |
| | 25 " | 1981–1 | ES, R |
| 15 IFER 81 | 10 " | 1981–3 | ES |
| 16 Renn | 10 " | 1981–4 | ES |
| 17 3a GDR-E-Konferenco | 10 " | 1981–4 | ES kiel 16 |
| 18 GLEA-fondiĝo | 10 " | 1981–4 | ES kiel 16, R |
| 19 EA de GDR | 10 " | 1981–5 | ES kiel 16 |
| 20 3a IMEK | 10 " | 1981–7 | ES kiel 14, NS |
| | 25 " | 1981–7 | ES kiel 14, NS, R |
| 21 Bulgario 1300 | 10 " | 1981–9 | GS |

10 pfenigoj: enlanda tarifo kaj por socialismaj landoj.
25 pfenigoj: tarifo al kapitalismaj landoj en la tuta mondo.
Listo farita: 15.11.1981.

## Afrankstampoj!

Nin Esperanto-filatelistojn tre agrable impresas, ke la viglaj gesamideanoj en la Antverpena Esperanto-Centrum enfunkciigis afrank-maŝinon kaj uzas 4 diversajn tekstopartojn. Eble ili eĉ kaptas la ideon, uzi tekstparton ankaŭ por propagandi la venontan Universalan Kongreson? Sed jam nun ni estas plene kontentaj kaj tre ĝojas pro la iniciatemo. Do, al ĉiuj stampoj estas samaj la dekstra valorstampo kun la maŝin-numero F 3640 kaj la meza datostampo kun la urbonomo Antwerpen.

La maldekstraj tekstopartoj citas:

- ESPERANTO-CENTRUM
- ESPERANTO PANORAMA
- JEN/KONCIZE
- l'Esperanto en Marche

kaj la adreson de la E-Centrum.

Al ĉiuj ni donos apartan numeron.

Al nia kluba amiko Legris Michel koran dankon pro la "malkovro".

## Strangaj trovitaĵoj

Nia kluba amiko Amouroux jam antaú jaro sendis fotokopiojn pri stampo el Jugoslavio, kiu antataú normalan mezuron havas diametron de 40 mm kaj situas sur poŝtmarko! Temas pri la stampo por la UK de Beogrado de 1973. En verda koloro. Kaj li demandas, ĉu poŝta, ĉu nepoŝta estas tiu stampo. Verŝajne ĝi estas nepoŝta. Eble nia amiko Hirsch konsultas la specialan katalogon pri jugoslavaj poŝtaj stampoj, aú eĉ s-ro Givoje povas klarigi la aferon?

## Draveil-Cerny

Koran dankon al niaj geamikoj Vincent kaj Rousseau, kiuj sendis klarigojn pri tiu stampo. Ambaú ili opinias, ke al tiu stampo ni devus doni apartajn numerojn en katalogo, ĉar temas pri div. kongresoj, diversaj urboj kaj aliaj datoj.

Nun mi vere sentas dilemon, ĉar se mi donus al ĝi diversajn numerojn, mi pekus kontrau tiu regulo, per kiu mi donis numerojn al la stampoj en la katalogo: Se stampilo ŝanĝas nur la nomon de la urbo kaj cetere restas senŝanĝa, do, tute samaspekta, tiam ĉiam mi nur donis unu numeron, bv. tion kompari ĉe Svislando, Pollando, GDR. Hungario kaj aliaj landoj. Per tio mi sekvis la kutimon de nacilingvaj stampokatalogoj (al mi konataj). Eble aliaj havas ankaú opinion pri tiu problemo, definitivan decidon mi faros nur fine de ĉi jaro.

Nia amiko Rousseau skribis pri la stampo i.a.:
"La Pariza Federacio de la Kulturaj Centroj Esperanto, (Mallonge E.P.E.) organizas ĉiujare sian kongreson.

Ĝia teritorio konsistas en Parizo (75) kaj la tielnomataj "kronaj departementoj" kiuj ĉirkaúas ĝin: 77 Seine-et-Marne, 78 Yvelines, 91 Essone, 92 Hauts-de-Seine, 93 Seine-saint-Denis, 94 Val-de-Marne, 95 Val-de-Oise.

En 1979, la kongreso okazis en Cernv, kiu situas en 91 Essonne, en 1981, tiu kongreso okazis en Draveil, kiu situas en la sama departemento. La francaj stampoj notas nur kodnumeron de la departemento.

## Statistika katalogo de Hirsch

En plena silento nia kluba amiko Richard Hirsch laboris super statistika katalogo k sendis al mi nun la provizoran rezulton. Bedaúrinde sen iu ajn klarigo, certe klariga letero sekvos? Hirsch listigas la E-stampojn el la Burmeister-katalogo laú sekvantaj temoj:
1) UK, 2) SAT-Kgr. laboristaj renkontiĝoj, aranĝoj k.a., 3) Int. ka naciaj kongresoj kaj renk. de IFEF, 4) TEJO-kongresoj kaj aliaj nunularaj aranĝoj, inkl. de skolta movado, 5) Plurnaciaj kgr, aranĝoj, renkontiĝoj k.a., 6) Fakaj kongresoj renk. k.a., 7) Filatelo k Esperanto, 8) Foiraj stampoj, 9) Nacia kongresoj, renk. k.a. aranĝoj, 10) Zamenhof-jubileoj.

Ege intrese la menciitaj prezoj por stampitaj Danzig-tutaĵoj, kiuj varias inter 30.– ĝis 850.– gmk (En FRG).

Al mi ŝajnas, ke mankas tuta vico da afrankstampoj, sed ankoraú mi ne trovis tempon por ekzameni ĝin pli detale. La katalogo havas 72 A-4-formatajn paĝojn (foliojn). Al mi persone tre plaĉas, ke mia katalogo servas por aliaj filatelistoj por serioze labori kun ĝi.

## Malordo en GFR

La pasintan semajnfinon mi dediĉis al ordigo de mia stampokolekto kaj devis konstati, ke aŭ mi aŭ alia fuŝis dum katalogado de la federacigermanaj stampoj. En la stamporesumo de nro 54 mi trovis GFR 31-Paderborn/1978. (IPA-stampo) Sed kiam mi vidis tiun stampon en mia skatalo, tiam mi devis konstatin, ke la enskribo "servo per amikeco" ja tute ne estas legebla kaj oni ne povas doni al ĝi lokon en nia stampokatalogo. Nun mi tuj konsultis la Hirsch-an statistikon, sed ankaŭ li donis al ĝi numeron, kaj plie daŭrigis per Koblenz (32) kaj eĉ Oldenburg (33), pri kiu nenion ĝisdate mi aŭdis. Kaj en mia resumo de 54 sub 33 estas nomita Regensburg de 1981.

Aspektas do tiel, ke momente ni havas du div. poziciojn sub numero 33 kaj krome sub 31 neesperantan stampon.

Mi petas niajn klubajn amikojn Hirsch, Wluka kaj Heimlich, sendi opiniojn kaj rekomendojn pri la afero.

Mia opinio estas, ke GFR 31 estas Koblenz, kaj kio sekvas, tio ne estas klara, ĉar mi ne konas tiun de Oldenburg kaj ne scias, ĉu oni ĝin uzis antaŭ aŭ post Regensburg.

Dankon al amiko Wluka, kiu sendis kongresan saluton el Regensburg al la redaktoro.

## Nekonata afrankstampo en GFR

Kun surprizo mi rimarkis en nia numero 54 iun preskaŭ ne legeblan afrankstampon, pri kiu nenion mi scias. Nur supozi mi povas, ke temas pri iu nova el Paderborn. Do, sole el tiu fakto vi povas konstati, ke por redaktoro vere estas komplike, fari informilon, se mankas informojn pri novaĵoj. Plie: sur la paĝoj 2 kaj 11 troviĝas fotoj pri filatelaĵoj, kiuj same estas nekonataj por mi (kun UK-stampo de Brasilia).





2)



ESPERANTO
765 BRAEMAR AVE.
SIDNEY, B.C. V8L 3S1






3)


| Kotizo pagenda ĝis 1982 - o2 - 15 | |
|---|---|
| Kategorio 1:<br>Eksterlandanoj por la tuta aranĝo (kun tranokto) | 110,- Mark |
| Kategorio 2:<br>GDR-anoj por la tuta aranĝo (tranokto pagenda aparte) | 60,- Mark |
| Kategorio 3:<br>GDR-anoj por la nura partopreno en kunsido de fakgrupo(j) aŭ seminario(j) | 10,- Mark |

## K o n d i ĉ o j   k a j   i n s t r u k c i o j

1. Ĉiu aliĝanto devas plenigi apartan aliĝilon. Petu ĝin ĉe: Organiza Komitato de IFER, DDR-7o1o Leipzig, Käthe-Kollwitz-Straße 115.
2. Skribu klare (plejeble preslitere). Nelegeblaj aŭ nekomplete plenigitaj aliĝiloj restos netraktitaj.
3. Via aliĝilo estos traktita nur post la ricevo de la kompleta kotizo. Atentu, ke la alteco de la kotizo dependas de la elektita kategorio.
4. La kotizon adresu al: "S t a a t s b a n k  d e r  DDR, Leipzig", kontonumero 5621 - 32 - 53. La kodo por la pago estas: 329 - 2849.
5. La kotizo en kategorio 1 kaj 2 inkluzivas la partoprenon en ĉiuj aranĝoj de la Renkontiĝo, du tagmanĝojn kaj unu vespermanĝon. La kotizo en la unua kategorio krome inkluzivas du tranoktojn en la urbo Leipzig.
6. La kotizo ne estas repagebla, eĉ se la aliĝinto ne partoprenas la Renkontiĝon.
7. La aliĝilo al la Renkontiĝo ne estas transdonebla. Ĝi validas nur por tiu persono, por kiu ĝi estis registrita.
8. Ĉiu aliĝinto ĝustatempe ricevos konfirmilon pri sia aliĝo kaj pluajn informojn.
9. Eblas tria tranokto (de 14a al 15a de marto) por memstare viziti la foiron. Bonvolu noti vian deziron sur aliĝilo.
10. La Organiza Komitato rezervas al si la rajton, rifuzi aliĝilojn super la fiksita nombro de partoprenantoj. Aliĝiloj por la tria kategorio nur eblas en limigita nombro. Frutempa aliĝo certigas al vi la partpprenon.

